




6/2002
Oktobro/Novembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Ĉu en 2012  Olimpiaj Ludoj en Hamburg?

| | |
|---|---|
| **Editoraĵoj**<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidantino:<br>Dr. Vesna Stanicic-Burchards<br><br>Redaktoro: Benno Klehr<br><br>Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de | **Karaj legantoj,**<br>En Hamburg oni nun ofte trovas la titolpaĝan simbolon kun la slogano „Feuer und Flamme für Hamburg 2012" (fajro kaj flamo = entuziasmo).<br>La urbo aspiras organizi la Olimpiajn Ludojn en la jaro 2012.<br>Se fakte Hamburg sukcesos akiri la Olimpikojn kaj „la mondo" venos al nia urbo, kion faros ni Esperantistoj? Ĉu ni povos iel organizi programon aŭ kampanjon por tiu okazaĵo?<br>La Olimpikoj ja ne estas nura Hamburga afero, sed okazaĵo kun tutlanda kaj eĉ monda signifo.<br>Certe necesos frua planado.<br><br>Benno Klehr |
| Redaktofino de<br><br>n-ro 1/03: 15-11-2002 | La HES klubejo malfermita Jhaŭde ek de 18:00 h<br>Programo: 20:00.<br>Esperanto Haus donnerstags ab 18:00 Uhr geöffnet.<br>Programm: 20:00 Uhr. |
| **Jarĉefkunveno 2003**<br>de Hamburga Esperanto-Societo okazos la 20an de Februaro je la 20a horo en la Esperanto-Domo | **Nova Kurso**<br>Jaŭde ek de la 18.00 h ĝis 19.30.h okazas nova kurso por komencantoj en la klubejo.<br>Gvidas Kerstin Baasch. |

## Nia programo

| Oktobro 2002 | Novembro 2002 |
|---|---|
| **3 Klubejo fermita pro festotago** | **7** *Frank Merla:* **Parolturnoj** |
| **10** *Frank Merla:*<br>**Interesaj strato-nomoj en Hamburg** | **14** *Vesna Stanicic-Burchards:*<br>**Enmigra Leĝo kaj lingva instruado** |
| **17** *Werner Bormann:*<br>**Raporto pri la FAME-premio 2002 en Aalen** | **21** *Lars Sözüer:*<br>**Sciencoj en Hamburg** |
| | **28** *Benno Klehr:* **Enigmo** |
| **24** *Erika Dobrzynski:*<br>**Hamburg, Speicherstadt** | **Decembro 2002** |
| | **5** Hamburga temo |
| **31** *Hella Lanka:*<br>**Pri Jubileo en Kiel** | **14** Zamenhoffesto |

**Estrarkunsido: 24.10. - 18.00 h**

---

## La ekspozicio Du und Deine Welt

Ankaŭ ĉi-jare la Hamburgaj Esperanto-amikoj partoprenis en la granda ekspozicio por la ĉiutaga vivo. Kvankam la ĝenarala nombro de vizitantoj estis iom malpli alta ol en la pasintaj jaroj, la nombro de interesitoj pri Esperanto estis kontentiga.




Post la ekspozicio kiel kutime okazis „Schnupperkurs" - provleciono, post kiu estis eble starti novan kurson por komencantoj.

La estraro dankas al ĉiuj helpantoj, speciale al la gejunuloj *de GEJ, Heidi, Christoph* kaj *Andreas*, kiuj speciale vojaĝis al Hamburg por helpi.

Foto: Hella Lanka

---

# La fondaĵo FAME
## Kulturstimulado

En Germanio aktivas Esperanto-fondaĵo kun la nomo FAME (temas pri la komencaj literoj de la nomo de ĝia fondinto Franz Alois Meiners el Stuttgart) Fondaĵo („Stiftung") estas amaso da mono, do estas kapitalo, kaj tio kompreneble donas renton. Tiu rentomono disponiĝas al laboroj apogantaj Esperanton - ne tuŝante la fikse deponitan kapitalon, kiu tial restas por daŭro kaj tiel kontinue efikas.
Multaj subvencioj iris de FAME en la pasinta dekduo da jaroj (1) al kulturaj iniciatoj: lernolibroj, sciencaj verkoj, festivaloj, muzikdiskoj, prelegvojaĝoj, kaj (2) al renkontiĝoj ekzemple por helpi al samideanoj ne havantaj devizojn tamen partopreni, kaj (3) al kluboj en en- kaj eksterlando (i. a. en Afriko) por iliaj laboroj.
Elstara taskoplenumo estas la Kulturpremio de FAME kaj de la urbo Aalen (en la regiono de Stuttgart) atribuita ĉiun duan jaron. Laŭdon kaj 3000 eŭrojn ricevas merituloj kiel Bruno Vogelmann, Marjorie Boulton, Richard Schulz, William Auld kaj aliaj.
En 2002 la estraro de FAME honorigas la tri pastrojn Adolf Burkhardt, Bernhard Eichkorn kaj Albrecht Kronenberger. Ili laboris dum jardekoj por antaŭenigi Esperanton en la eklezio, prezenti kredon je dio al esperantistoj ekzemple aranĝante diservojn dum kongresoj kaj fari multon por Esperanto en aliaj kampoj, ekzemple pastro Burkhardt kiel ĉefa prilaboranto de Germana Esperanto-Biblioteko (ankaŭ en Aalen). Kulmino de ilia laborado estas la pretigado kaj surmerkatigo de la renoma kantlibro „Adoru", kiu estis montrita en la Hamburga klubo kaj kiun pluraj membroj jam aĉetis.
Tiu premiado okazos ĉi-jare je la 13-a de oktobro en Aalen. Laŭdoprelegon faros vikario Stefan Sassenberg el Lepsiko (Leipzig), membro de la estraro de Germana Esperanto-Asocio. La festaranĝon prezidos la ĉefurbestro de Aalen kaj la prezidanto de FAME, kiu estas d-ro Werner Bormann.
Li rakontos pri la festa transdono dum la klubkunveno je ĵaŭdo la 17-a de oktobro.

Re al Esperanto en Hamburg